# Heleco




Pres-organo de:
Astura Esperanto-Asocio



Numero 83 Septembro - 2008

**Astura Esperanto-Asocio**

Sidejo: strato **Tomás y Valiente**, 1 -2ª etaĝo
33201-GIJÓN (ASTURIO-HISPANIO)

Interret-paĝo: http://uica.info/esperanto

Retadresoj: easturias@telecable.es
mailto:esperanto@uica.info

**Astura Esperanto-Asocio** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la **Internacia Lingvo** unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, leĝeble, en tiuj partoj de la Asturia regiono, kie ne ekzistas lokaj grupoj de **Esperanto**.
Nia agado disvolviĝas kadre de: **Cátedra JOVELLANOS de Extensión**

| Enhavo . | Paĝo |
|---|---|


La enhavo de la tekstoj de ĉi-tiu revuo ne esprimas oficialan opinion de **Astura Esperanto-Asocio**: pri ili respondecas la verkintoj mem.
Leĝa Registro 0/319/85



# Astura Esperanto Asocio

## NIA DUMJARA LABORADO




Jen nova numero de la revuo de nia **Astura Esperanto Asocio**. Inter la temoj pritraktitaj en ĝi, ĉefe elstaras tiu de la t.n. Hispana Milito je Sendependiĝo, komenciĝinta ĝuste antaŭ du jarcentoj. Krom aliaj materialoj, estas ankaŭ artikoloj dediĉitaj al aliaj eventoj, okazintaj antaŭ 50 jarojn: la Pariza revolucio de majo de 1968 kaj la Paraga Printempo de la sama jaro.

Heleco

Pres-organo de: Astura Esperanto-Asocio

Numero 82 Oktobro - 2007

Musklaku ĉi tie por elŝuti la revuon laŭ formato PDF ( 15.730 KB)

Paĝaro de la Revuo. Musklaku sur la bildo por grandigi ĝin.

Ekde la eldonado de la 82a numero, en oktobro de la pasinta jaro, nia esperantista rondo plu plenumis siajn specifajn taskojn: propagando pri la Internacia Lingvo kaj organizado de Esperanto kursoj.

Nia plej potenca ilo por la propagando favore al Esperanto estas la interreta paĝo de **Astura Esperanto Asocio**, kies ret-adreso estas: **http://uica.info/esperanto/**

En ĉi tiu ret-paĝo aperas, krom la revuo HELECO mem (el kiu ni presigas malmultajn ekzemplerojn), ankaŭ aliaj, diversaj materialoj, per kiuj oni intencas montri ke pere de Esperanto oni povas pritrakti ĉiutipajn aferojn: informado, tradukaĵojn, artikoloj, recenzoj, kantoj, eseoj pri ĉia temaro... Tiel por la revuo kiel por la tuta ret-paĝo ĝenerale, ni akceptas kontribuaĵojn de la gesamideanoj kiuj dezirus sendi ion al ni por publikigo. Fakte, en ĉi tiu 83a numero de HELECO aperas, krom niaj propraj verkaĵoj, ankaŭ kunlaboraĵoj de gesamideanoj ne apartenantaj al nia E-rondo.

Temante pri aliaj aferoj rilate al nia Esperantista Asocio, menciindas tio ke en la jara periodo pri kiu ni raportas ni uzadis la novan sidejon asignitan al ni de la Universitata Katedro "Jovellanos". Per la antaŭa numero de la revuo ni informis pri tiu nova ejo de AEA. Temas pri tre ampleksa kaj komforta ĉambro bone provizita de meblaro kaj kaj eĉ komputilo. La unua akto okazinta en tiu loko estis la kunsido de la estraro de la Asocio por organizi Esperanto-Kurson por la nuna jaro. Poste okazis tie ankaŭ la ordinara Asembleo de la asocia membraro de la jaro 2008. Rilate al tiu Asembleo estis

nenio eksterordinara pri kio informi; laŭ la statutaro ĉi-jare oni ne devis elekti novan estraron de la Asocio. La E-kurso komenciĝis malpli frue ol kutime, konkrete en monato februaro. Post lia resaniĝo el la akcidento kiun Santiago Mulas suferis antaŭ pli ol unu jaro, li povis denove dediĉiĝi al la instruado pri Esperanto, sed tial ke estis novaj, komencantaj lernantoj, krom tiuj kiuj jam partoprenis en antaŭaj kursoj, estis necese sam-tempe gvidi duan kurson, pri kiu okupiĝis Carlos E. Carleos. La klasoj okazis kaj en la nova ejo, jam menciita kaj en aparta klasĉambro kiun disponigis al ni tiucele la Universitata Katedro en kiu estas enkadrigita nia **Astura Esperanto Asocio**. Ambaŭ kursoj ĵus finiĝis kiam oni estas preparante ĉi tiun informon por la revuo.


Nova sidejo de **Astura Esperanto Asocio**

Fine, inter la agado de nia Esperantista rondo decas mencii ankaŭ la renkontiĝojn kun esperantistoj de aliaj grupoj. Tiurilate, ni raportu unue pri la tradicie organiz-ata ĉiujare Festo de Esperanto, en dato proksima al la 15a de decembro, naskiĝ-dato de Lazaro Ludoviko Zamenhof, iniciatinto de la Internacia Lingvo. En la jaro 2007 la kutima renkontiĝo de la du esperantistaj grupoj de Asturio, tiuj de Avilés kaj Gijón, okazis dimanĉe la 16an de decembro en Avilés. Kvankam tiutage la vetero estis sufiĉe malvarma, estis plenumita en la Promenejo "Esperanto" de la tiuurba parko la tradicia flora omaĝo kaj sekve, el tie proksima restoracio okazis la, ankaŭ kutima, festeno de la geesperantistoj de ambaŭ urboj.

Tiuj renkontiĝoj estas gravaj por ni, la aktivuloj de la Esperantista Movado ne nur pro la kama-radeca etoso kiun oni ĝuas en ili sed ankaŭ pro tio ke ili estas konvenaj okazoj por interŝanĝado de sperto en nia aktivado favore al Esperanto.

Tiurilate speciale utilis iu alia renkontiĝo kiun havis kelkaj membroj de nia E-Grupo kun aro da geesperantistoj el diversaj landoj de la Eŭropa Unio. Tiu renkontiĝo okazis en Pruvjo, ĉe la bieno de la kuracisto Valentín Pérez, aŭtodidakta esperantisto, aliĝinta al la Pasporta Servo, tiu Internacia Gast-iga Servo per Esperanto. Antaŭe ni jam havis okazon renkontiĝi kun esperant-isto gastante ĉe li. En ĉi tiu okazo la gastoj estis dekduo da geesperantistoj el diversaj landoj de la Eŭropa Unio: Germanio, Britio, Polujo, kaj ĉefe Francio, kiuj adresiĝis, pere de buso speciale luprenita de ili, al Kompostelo. Inter-

parolante kun samideanino Michèle Abada-Simon, organizintino de tiu vojaĝo, ŝi diris al ni: Ni iras al Kompostelo sed tamen ni ne estas pilgrimantoj potiuloken; ni ankaŭ ne estas turistoj; ni estas manifestaciantoj favore al Esperanto. Dum ilia vojaĝo kaj en la lokoj kie ili haltas, ili disdonas propagandon favore al la Internacia Lingvo. En Hispanio ili faris tion en Bilbao la antaŭan tagon, kaj dum la mateno de la tago de nia renkontiĝo ili estis farinte tion ankaŭ en Oviedo. Similan agon ili planas efektivigi en Kompostelo kaj aliaj lokoj kiujn ili vizitos. Por similaj vojaĝoj en la sekvaj jaroj, ili invitas hispanajn esperantistojn.

Sed precipe interesa kaj instrua estis alia aktivado kiun ili realigas, kaj pri kiu oni pli detale pritemas en la sekvaj paĝoj pere de artikolo verkita de la sama Michèle Abada-Simon. Temas pri vere politika aktivado okaze de la balotado por la Parlamento de la Eŭropa Unio. La geesperantistoj de kelkaj eŭropaj landoj prezentadas proprajn kandidatarojn en la balotkampanjo, kio ebligas kaj rajtigas al ili propagandi dum iom da tempo per la publika televido de iliaj landoj kaj per afiŝoj favore al siaj kandidataroj kaj pere de tio, fakte, favore al la Internacia Lingvo. Ĉu ni kapablos organizi ion similan en Hispanio? La ideo ŝajnas interesa kaj indas ke oni pristudu ĝin. Nia presorgano, do, lanĉu la ideon al la geesperantistoj de Hispanio.

**Renkontiĝo en Pruvjo, la 5an de julio-2008, de membroj de nia E-Asocio kun geesperantistoj el diversaj landoj de la Eŭropa Unio.**






La franca profesorino Michèle Abada-Simon, ĉefa prizorgantino de la perbusa ekspedicio de geesperantistoj el la Eŭropa Unio, kun kiuj renkontiĝis en Pruvjo, la 5an de julio, kelkaj membroj de **Astura Esperantista Asocio**, estas aktivulino de la politika movado **Eŭropo Demokratio Esperanto**. Per tiu ĉi artikolo ŝi eksplikas al ni kio estas tiu movado kaj kiun celon ĝi havas.



# Je via sano, samideanoj!

Por danki vin, kiuj permesas al ni paroli per via ĵurnalo, ni proponas al vi tre bongustan koktelon (kun aŭ sen alkoholo, laŭvole): E.D.E. t.e. **Eŭropo Demokratio Esperanto**.

- Esperanton, kompreneble, vi tute bone konas!
- Pri demokratio, oni neniam havas tro…
- Ĉar la Eŭropa Unio diras ke ĝi celas, laŭ sia devizo, samtempe "unuecon kaj diversecon", ĝi bezonas Esperanton, ankoraŭ pli urĝe ol la tuta mondo, por komuniki libere kaj ŝpareme inter egalaj eŭropaj civitanoj.

Jen tial, en Francio, ni profitis eŭropajn balotojn en 2004. Kial nur, bedaŭrinde, en Francio? Ĉar nur Germanio provis, sed ne sufiĉe frue.

Tiun (frenezan? genian?) ideon havis Kristian Garino. Multaj francaj esperantistoj absolute rifuzis tiun proponon. Esperanta komunumo, ĉu ĉar tro persekutata, tro ofte timas novaĵojn kvazaŭ kiel "blasfemoj": ĝi posedas mirindan idealon kaj sekvas kaj ripetas ĉiam rutinajn kutimojn. Do, ni estis nur grupetoj de kuraĝaj Donkiĥotoj, sen mono, sen fortoj, sen politika sperto, sen iu ajn bonŝanco. Evidente ni ne kapablis. Tute ne eblis. Ni scias tion. Sed… tamen ni provis kaj… sukcesis fari! Jes ja!

Kiu celo? Laŭ la franca sistemo (vidu en via lando, kiel precize tio funkcias. En Germanio, ekzemple, estas tute alia organizo ol en Francio, pli favora ol la nia!) la partioj, kiuj kapablis starigi liston en minimume 5 el la 8 regionoj, rajtis havi senpage lokon, materialon, kaj eĉ specialistojn por krei reklaman filmeton. Ni havis 7 listojn (nur en "France d'Outre Mer" ni ne havis sufiĉe da tempo kaj fortoj). Do junuloj kreis du filmetojn, trifoje elsenditaj per du publikaj televidoj kaj ankaŭ radioj. Imagu la terurajn sumojn (kiom da nuloj?), se ni devintus pagi tian reklamaĵon! Tiel tion unue ni celis kaj trafis.

Sed ne nur: kvankam mono multe mankis por printi kaj disdoni sufiĉe da afiŝoj, programoj kaj voĉdoniloj, tamen voĉdonis por E.D.E. pli ol 25.000 civitanoj. Evidente tio estas ridinda nombro por esperi deputiton – kaj tion ni sciis. Sed jen jam bela "peticio" – des pli ke multaj personoj nek ricevis politikajn programojn nek trovis voĉdonilojn en balotejo; kaj ankaŭ des pli ke iaj esperantistoj, aŭ ne konsentis pri tiu iniciato, aŭ tamen preferis voĉdoni kiel kutime favore al sia preferata partio.

Precipe, la intereso vekita por Esperanto ("Do, ĝi ne mortis? Bonŝance!" – "Ho, kio estas tiu interesa lingvo kaj idealo?") pruvis, ke ni pravis, provante… neeblaĵon. Kaj ni ĝojis, kiam niaj eminentuloj, - kiuj antaŭe grumblis kontraŭ ni kaj rifuzis helpi – finfine honeste agnoskis, ke tiu nova agado profitis al Esperanto.

Sed Esperanto ne estas proprietaĵo de Francio, ĉu ne? La venontaj eŭropaj balotoj okazos en 2009. Ne facilas partopreni: esperantistoj ne estas spertuloj pri tio!

Tial ni ege esperas, ke en ĉiuj landoj esperantistoj kuraĝe intervenu por la komuna eŭropa bono (supre pravaj kutimaj politikaj preferoj, dekstruloj aŭ maldekstruloj, ktp).

Atentu, ke oni devas tien vigle klopodi, do ne malfrui kaj tuj serĉi informojn: unue, kiel en via lando organiziĝas eŭropaj balotoj? Poste, depende de tio, sin mem plej eble efike organizi.

Ni ne havas ĝeneralan programon, jes ja. Estas 785 eŭropaj deputitoj. Se ĉiuj el ili, ĉiufoje post 5 jaroj, kapablus alporti nur unu mirindan solvon al grava problemo de nia Eŭropa Unio, ĉi-tiu mirakle progresus! Esperantistoj estas fakuloj pri lingvaj homaj rajtoj. Kuraĝon! Ne lasu nin solaj! Justa Eŭropa Unio bezonas ĉiujn. Urĝas! "Kredu nin, gesamideanoj!" Ni spertis…

Michèle Abada-Simon, membro de E.D.E.

Por kontakti "Eŭropo Demokratio Esperanto":
E.D.E.
6 rue des Juifs
Fr-67000 Strasbourg
kontakto@e-d-e.org
http://www.e-d-e.org/

# Eŭropo Demokratio Esperanto



**Eŭropo Demokratio Esperanto** (EDE) estas politika movado kiu naskiĝis en Francio kaj Germanio en 2003 kiel eŭropa federacio de landaj sekcioj.

En 2004, tiu civitana movado partoprenis la eŭropan baloton en Francio. Milionoj da francoj vidis filmeton pri Esperanto sur la naciaj televidaj kanaloj kaj ricevis informfolietojn pri Esperanto kadre de la oficiala propagando. Dank' al tiu agado, pli ol 25.000 francoj (inter ili multaj neesperantistoj) voĉdonis por **Eŭropo Demokratio Esperanto.**

Nuntempe, estas aktivuloj en Francio, Germanio, Hungario kaj Nederlando. Kio en via lando?

## Nia programo:

- garantio de esprimorajto sen lingva diskriminacio kaj defendado de lingvaj rajtoj,
- uzado de la internacia lingvo Esperanto kiel pontlingvo kaj laborlingvo kadre de eŭropaj institucioj,
- kuraĝigo de la instruado de Esperanto por faciligi interkomunikadon,
- efektiva pritrakto de diverseco por kuraĝigo kaj ŝirmo de la minoritatoj.
- partopreno al la demokratio dank' al rekta referenduma premo pri leĝoj kaj agoj,
- leĝaro farita de reprezentantoj elektitaj de la popolo,
- realigo de la homaj rajtoj surbaze de la deklaracio de 1948.

# En 2009, ni voĉdonu por **Esperanto** en ĉiu lando de Eŭropa Unio!

## Kiel partopreni kaj agadi?

Por atingi siajn celojn, **Eŭropo Demokratio Esperanto** bezonas aktivulojn en ĉiuj landoj. Esperantistaj volontuloj por EDE agado:

- unue grupiĝu en sia lando kaj kreŭ EDE landan diskutliston por helpi sinorganizi, kaj poste krei landan EDE-sekcion,
- aliĝu al **ede-eu@googlegroups.com** kiu estas la eŭropa diskutlisto de **Eŭropo Demokratio Esperanto** – per tiu listo eblas doni kaj peti konsilojn por agado, organizado, ktp.
- ĉar ni bezonas aktivulojn, kaj multajn kaj politikemajn, ĉar estas 99,9% da neesperantistoj kaj nur 0,1% da esperantistoj **varbu ĉefe inter neesperantistoj** kaj **laboru nacilingve**; la varbintojn nur post aliĝo oni invitos lerni esperanton por eŭropaj rilatoj kun EDE-anoj kaj civitanoj de aliaj landoj,

## Kontaktoj:

- **Eŭropo Demokratio Esperanto** 8 rue de Cotte; FR-75012 Paris; Francio
- Retejo: **www.demokratio.eu**
- Retpoŝto: kontakto@e-d-2.org

**Por monsubteni Eŭropo Demokratio Esperanto ĝiru al ĝia UEA-konto: edee-k**



*Eŭropo Demokratio Esperanto*

Eŭropo Demokratio Esperanto (EDE) estas politika movado kiu naskiĝis en Francio kaj Germanio en 2003. Tiu civitana movado sukcesis partopreni la eŭropan baloton en junio 2004.
Milionoj da francoj vidis filmeton pri Esperanto sur la naciaj televidaj kanaloj.

Dank' al tiuj senpagaj filmetoj kaj al la afiŝoj kaj gazetaj artikoloj, EDE ricevis 25.000 voĉdonojn. Multaj el tiuj voĉdonantoj ne estas esperantistoj sed simple opinias ke Esperanto estas bona ideo kaj ke ĝi estas utila por Eŭropo.
Por konstrui la Eŭropan Union, por ebligi debaton inter eŭropaj civitanoj, ni devas proponi demokratiajn ilojn. La unua estas Esperanto.

esperanto 2009



## Kiel partopreni nian agadon?

- aliĝi la retliston de EDE,
- starigi lokan diskutliston,
- starigi EDE-asocion/partion kun samideanoj en sia lando,
- publikigi artikolojn/agad-alvokojn en lokaj, landaj Esperanto-gazetoj,
- partopreni konferencojn pri lingva politiko, prezenti la vidpunkton de EDE tie,
- dissendi gazetarajn komunikojn,
- disdoni flugfoliojn okaze de prilingvaj, pri-eŭropaj aranĝoj...

Ĉu pretaj por 2009?

La venonta eŭropa baloto okazos en junio 2009. Tiam la movado Eŭropo Demokratio Esperanto planas partopreni la baloton en multaj eŭropaj landoj. Tial via kunagado estas bezonata!

La efiko de balota kampanjo estas grandega: ĝi ebligas sendi balotilojn kaj informilojn al ĉiuj voĉdonantoj de iu lando. Tuteŭropa balota kampanjo estas la plej vastskala kaj efika reklamkampanjo por niaj ideoj.

La Eŭropa Unio bezonas novan iniciaton por pli bona integriĝo de la civitanoj. La debatoj kaj ideoj ne plu estu limigitaj je la nacia skalo. Ni proponu alian Eŭropon, pli partoprenigan!

## Kiel kontakti EDE?

Skribu al kontakto@e-d-e.org
Retejo: www.esperanto2009.eu
Poŝtadreso:
EDE, 8 rue de Cotte, FR-75012 Paris
Telefono: +33 668 33 78 14

Por aliĝi la retliston de EDE, sendu malplenan mesaĝon al :
Ede-eu-subscribe@googlegroups.com

Se vi deziras monsubteni EDE, ĝiru al nia UEA-konto: edee-k

Se la projekto **Eŭropo Demokratio Esperanto** interesas vin, plenigu la formularon:
Nomo:
Lando:
Retadreso:

# FIRMAA TRANSLOKIĜO KAJ DUNGITECO: LUDO PER FALSITAJ KARTOJ

*Verkis:* Juan Torres López (www.juantorreslopez.com)
*Tradukis:* Carlos Enrique Carleos Artime

Plej ŝokanta fenomeno kaŭzita de la tutmondiĝo estas ke la firmaoj tiel facile povas translokiĝi, tio estas, forlasi landon por elekti en aliaj kie ili trovas pli bonajn kondiĉojn por pligrandigi siajn profitojn. Serĉi pli favorajn teritoriojn por investi estis logika konstanto en la etendiĝa dinamiko kapitalisma kaj jen tio pliigis senĉese la direktan investadon eksterlanden en preskaŭ ĉiu freŝa historiepoko. Sed tiun procezon oni plenumis tradicie kreante kopiojn proksimume ĝustajn de la antaŭa agado en la novaj spacoj, kio ne ĉiam okazigis, tial, forlasi la agadon ĝis tiam plenumatan en la originaj lokoj.

En la lastaj jaroj, tamen, pli ĝuste okazas tio, ke la firmaoj fermas parte aŭ eĉ tute siajn fabrikojn kaj agadojn en iu loko por translokiĝi al aliaj kie ili trovos pli favorajn negocajn kondiĉojn.

La empiria analizo de la firmatranslokiĝo klare montras ke estas tre klaraj motivoj kaŭzantaj ĝin kiuj limiĝas al la eblo trovi pli malaltajn kostojn, ĉefe laborajn, kaj ankaŭ pli favoran etoson por amasigaj ekonomioj, tio estas, ŝparo de rimedoj pro koncentriĝo de agadoj en difinita teritorio.

### Pri ĝiaj avantaĝoj kaj malavantaĝoj

La ekonomika teorio kutime konsideras la translokigon kiel simplan aŭ rektan esprimon de la movlibero de faktoroj kaj kapitalo al kiu oni tendencas, aŭ kiun oni klopodas trudi, pro la avantaĝoj kiujn supozeble ĝi kunportas je mezlonga kaj longa perspektivo.

Tio estas tiel ĉar supozeble pro perdi la laborojn plej simplajn kaj kun plej granda ŝarĝo de primaraj kostoj, la teritorioj el kiuj ili eliras havos kiel nuran alternativon necese tendenci specialiĝi pri aliaj kapablaj generi post longe pli grandan valoron kaj konkurencan avantaĝon. Kaj, krome, ĉar oni supozas ke, kun la paso de la tempo, la konsumantoj de la spaco de kie eliris la laboro povos profiti de la produktoj antaŭe tie akiritaj kontraŭ pli malgranda prezo. Avantaĝoj kiuj, aldonitaj al tiuj kiujn ricevas la teritorio ricevinta la translokiĝintaj laboroj, implicas netan kreskon de bonstato laŭ tutmonda skalo je mezlonga kaj longa perspektivo.

Tiu estas la teoria pravigo ebliganta, ĉefe al la grandaj firmagvidantoj kaj al iliaj politikaj reprezentantoj, aserti ke la translokiĝo estas pozitiva fenomeno kiun oni stimulu por atingi ke la produktado estu "malpli kosta kaj pli konkurkapabla".

Konvenas scii tion ĉar pro tiuj motivoj, kaj kontraŭ tio, kion oni eble povus pensi, ne ĉiuj ekonomiaj subjektoj montras sin kontraŭaj al la translokiĝo. La direktoro de unu hispana institucio je la servo de tiaj interesoj, la Instituto pri Ekonomikaj Studoj, rekomendis antaŭ tri jaroj al la hispanaj firmaoj ke ili helpu sin per la translokiĝo al landoj kun laborfortoj malpli kostaj, helpo "neevitebla", laŭ tiu institucio, por "garantii la postvivadon" de la industrio je longa perspektivo (El País, 2005.12.20).

La realeco kaj la propra konduto de la firmaoj translokiĝintaj montras, tamen, ke tiuj analizoj havas malmultan sciencan fundamenton.

Laŭ la analiza vidpunkto, por ke tiuj antaŭsupozoj efektive eblu necesus akcepti ke estas ĝeneraligitaj la merkatoj de perfekta konkuro kaj ke estas reekvilibrigaj kaj rekompencaj meĥanismoj ebligantaj reasigni laŭ perfekte kompensa maniero inter tiuj teritorioj la perdojn kaj profitojn okazantajn en ili ĉiuj laŭ tre nesimetria maniero. Ekzemple, ke en la interno de ĉiu teritorio la profitintaj agantoj kompensus la malprofitintajn, ke la maldungitoj de la translokiĝintaj industrioj estus dungotaj en aliaj industrioj, ke la laborantoj enspezus ĉiam laŭ siaj kapabloj kaj, sekve, ke ili havus la saman salajron sendepen-

de de la loko kie ili estus dungitaj, aŭ ke ne estus strukturaj kostoj pro la ŝanĝoj kuntrenitaj de la translokiĝo.
Ne necesas esti ekonomika geniulo por kompreni ke tiaj kondiĉoj eblus nur en tre esceptaj kondiĉoj. Kion efektive ni scias nun tutcerte, kvankam ĝin ne volas aprobi kiuj defendas la simetrion kaj la privilegion per kiuj oni nuntempe agas en la internaciaj merkatoj, estas ke por eviti netajn perdojn de bonstato estas esence reguligi kun granda lerto ĉiujn tiujn movojn kaj eviti ke okazu kun tuta kaj senorda libero. Se oni ne reguligas ilin bone, kiel okazas nun, kiam la firmaoj agas laŭ sia volo serĉe de pli grandaj profitoj, okazas ja tre nesimetriaj situacioj, tutmonda kresko de neegaleco kaj tre drastaj perdoj de bonstato en la lokoj el kie eliras la firmaoj, sen ke la profitoj ricevitaj en la teritorioj al kie ili iras, estu gravaj, nek kompensu la damaĝon kaŭzita de la translokiĝo. Pruvas tion la fakto ke, kvankam kreskinte multe la kvanto de rekta investado en eksterlando ligita al translokiĝoj kaj irinta el la nordaj landoj en la sudajn dum la lastaj dudek jaroj, nun ĝi plu reprezentas preskaŭ saman proporcion (25%) rilate al la monda tutaĵo, kio signifas ke ĝi ne modifis la regulon de neegaleca distribuo de la kapitalo.



**La translokiĝ-libero estas la faktoro de la ega povo de la grandaj firmaoj. Fakte, ĝi ne estas necesa. Sufiĉas ke ĝi restu kiel konstanta minaco de detruo de centmiloj da laborpostenoj; kiel ĉantaĝilo pezanta sur ĉiuj laboristoj.**

Kelkaj firmagvidantoj konfesas, eble sen rimarki ĝin, la negativajn sekvojn kiujn havas la efektiva malobservo de tiuj teoriaj antaŭsupozoj liberalaj kiam klarege asertas ili ke la transokiĝoj estas neeviteblaj se oni ne malpliigas la netajn nivelojn de bonstato en la mondo. Tion klare diris, ekzemple, la prezidanto de Daimler Hispanujo, Carlos Espinosa de los Monteros, kiu antaŭ kelkaj semajnoj petis ke "la sociaj agantoj rezignu `siajn nunajn bonstatajn poziciojn' kaj adoptu poziciojn konformajn al la defioj de tutmonda industrio" (El Economista 2008.4.27).

### La falsitaj kartoj de la transnacia komerco

Kio efektive okazas ne estas ke la translokiĝoj realiĝu, kiel oni volas argumenti, por atingi tutmonde pozitivan kreskon de la efiko de la ekonomia sistemo. Eĉ malpli, tiun de la bonstato. Ĝi estas alia afero.

Kio okazas estas ke la grandaj firmaoj atingis starigi transnacian ne-sistemon kiu ebligas ilin liberigi sin de iu ajn obstaklo por profiti de la ekzisto de teritorioj kie estas riĉofontoj en kondiĉoj por havigi ilin per pli grandaj profitoj: jen ĉar la labormerkatoj estas pli malreguligitaj, jen ĉar estas malpli da obstakloj antaŭ la atencoj kontraŭ la natura medio, pli fortaj registaroj aŭ laborforto pli bone preparita kaj malpli bone pagita. Kaj tio havigas al ili ne nur la avantaĝon iri for, se fine ili bezonus ĝin, sed ankaŭ minaci por krei pli favorajn kondiĉojn en la lokoj kie ili estas.
Ne veras, ekzemple, ke ĉefe la grandaj firmaoj translokiĝantaj tiel faras por postvivi, sed por gajni multe pli. Spertintoj pri specifaj procezoj translokiĝaj (kaj en Hispanujo freŝas dekoj da ili), ni povis konstati multfoje ke la sama firmao pretekstanta ĉi tie perdojn por pravigi sian translokiĝon tamen ĝi obtenas milionajn profitojn se anstataŭ rigardi ĝian "nacian" rezultan kalkulon oni analizas, kiel necesas, la ĝeneralan de la grupo al kiu ĝi apartenas. La kontista inĝenierado, la fiskaj paradizoj aŭ la t.n. transdonprezoj (ebligantaj fakturi inter la malsamaj komponantoj de industria grupo tiel ke la rezultoj pozitivaj aŭ negativaj aperu tie kie ĝi pli interesas) estas kelkaj el la multaj rimedoj kiujn nun havas la grandaj firmaoj por kaŝi sian veran profitadon kaj povi pravigi la translokigojn.
Tiu libero nun preskaŭ ĝenerala estas la faktoro finfine difinanta la nunan grandan povon de la grandaj firmaoj. Efektive, la firmaa translokiĝo ne estas danĝera kaj damaĝa por la bonstato pro la specifa efiko kaŭzita de la detruo de centmiloj da dungoj, sed ĉar ĝi estiĝas konstanta kaj rekta minaco, ĉantaĝilo pezanta sur ĉiuj ceteraj laboristoj: se oni ne pretas akcepti pli postulantajn laborkondiĉojn, pli moderajn salajraltigojn, pli flekseblan labormerkaton, impostan moderigon aŭ liberigi la komercajn labortempojn, inter aliaj kondiĉoj, la firmaoj povus decidi iri aliloken. Kaj ili rajtos foriri se ili volos. Estas malfacile, trovi pli decidan argumenton por trudi al la laboristoj tiujn laborkondiĉojn. Kiel surprize estas, ke iuj pensas ke tiel oni atingas tutmondajn efikojn de kresko de la sociaj agado kaj bonstato.




Vintre de la jaro 1807 la armeo de la franca imperiestro Napoleono eniris en Hispanion. Laŭteorie temis pri milita ekspedicio de la ĝis tiam alianculo destine al la okupado de la alia najbara lando, Portugalio. Tio okazis kadre de la strategio de Napoleono por la komerca kaj milita sieĝo al Britio. Tamen la politikaj eventoj en Hispanio kaj la evoluo de la internacia situacio okazigis ke la franca armeo, fakte, plenumis okupacion de la lando, okupacio kiun oni intencis legaligi poste per la reĝaj abdikoj en Bajono. Rezulte de tiu neatendita kulmino de la politika krizo, kiun la hispana popolo ne povis kaj ne volis asimili, fariĝis reĝo de Hispanio Josefo, frato de la imperiestro Napoleono.
La hispana rifuzo al tiu procezo ekmontriĝis per la perfortaj okazintajoj de la 2a de majo de la jaro 1808 en Madrido, kiuj tuj resonis en la tuta lando kaj vekis la popolan reziston kontraŭ la invadinto. De tiam la Iberia duoninsulo fariĝis infero por la francaj trupoj; la politikaj planoj de Napoleono por lia superregado sur tuta Eŭropo komencis fiaski.
En Hispanio, de tiam kaj ĝis la jaro 1814, la kontraŭfranca batalado havis la karakteron je sendependiĝ-milito, kaj tiele ĝi estis nomita de la historiistoj de tiu epoko. Sed, krom tio, la landa konvulsio de la jaro 1808 signifis ankaŭ grandan socian kaj politikan ŝanĝon. Efektiviĝis la rompiĝo inter la hispana socio kaj la antikva politika ordo de la reĝa absolutismo kaj komenciĝis alitipa maniero fari kaj vivi la politikon. De tiam, Hispanio jam ne plu estis la sama ol antaŭ tiu jaro. Simila procezo de ŝanĝado kaj rompiĝo kun la Malnova Reĝimo konkretiĝis de tiam, pli malpli frue, en ceteraj landoj de Okcidenta Eŭropo.
Memorante la eventojn, okazintaj en nia lando ĝuste antaŭ du jarcentoj, en la sekvaj paĝoj ni raportas pri la historiaj kaj politikaj antaŭaĵoj (kaj landaj kaj internaciaj) de la konflikto, ties eksplodo en majo de 1808, la sesjara disvolviĝo de la milito kaj ĝiaj sekvoj kaj efiko sur la posta historio de Hispanio.



# Dekadenca kortego de imperio en dekadenco

Komence de la 19a jarcento, la Borbona dinastio estis reĝanta en Hispanio de antaŭ ĝuste unu jarcento. La antaŭaj reĝoj de tiu dinastio lasis pri si ne malbonan memoron en la landa historio. Ekde la jaro 1788 –unu jaron antaŭ la komenciĝo de la Franca Revolucio– la hispana monarĥo estis Karolo la 4a. La reĝado de lia patro, Karolo la 3a, estis periodo de paco, ordo, progreso kaj disvolviĝo de la kultura kaj politika movado nomita "Klerismo", kiu celis disvastigi la lumojn de la racio.
Menciindas ke Hispanio estis tiam la metropolo de granda imperio kiu ampleksis, krom la Filipinan Insularon en Azio, ankaŭ grandparton el la Amerika kontinento, esceptante, en la sudo, Brazilon, kiu konstituis la kolonian imperion de Portugalio, kaj en la nordo Kanado, kolonio de Britio, kaj la jam emancipiĝinta Usono sen ties Ŭesta parto, ankoraŭ ne konkerita nek la statoj de Kalifornio, Florido, Teksaso kaj Nevado kiuj tiam ankoraŭ estis parto, ankaŭ ili, el la hispana imperio.
Karolo la 4a ne estis inda je la herenco kiun li ricevis. Lia reĝado karakteriĝis pro kortegaj konspiroj, koruptado, dekadenco… Sed la ĉefa kaŭzo de la politika perturbo en kiun falis la hispana nacio sendube estis la granda revolucio en la najbara lando, Francio, kie estis detruita la reĝa familio, ĉefa branĉo de la Borbona dinastio. Nek la lando nek ties reĝo, nek la politika sistemo, estis preparitaj por alfronti tian kataklismon, kiu signifis la finiĝon de la t.n. Antikva Reĝimo.
Karolo la 4a estis neinteligenta homo al kiu mankis intereso pri la publikaj aferoj propraj de lia alta posteno. Li emis nur la ĉasadon kaj la manlaboradon, kia la horloĝo-farado. Lia malnobla konduto en la krizo de la jaro 1808, kiun ni priskribos, eble estis rezulto de la ega influo, kiun sur li havis lia edzino Maria Ludovikino de Parmo.
Ĉi tiu reĝino estis ankaŭ kuzino de sia edzo. Ekde ŝia edziniĝo ŝi evidentigis emon interveni en la politiko. Pri ŝi restis en la historio bildo de vera Mesalina kun inklino al facilaj kaj adultaj amaferoj. Ŝi baldaŭ komencis intrigi en la hispana politiko, kaj inter siaj "geniaj" disponoj estis la promociado de iu juna kadeto de la palaca gvardio, nomita Emanuelo Godojo, kiu tre rilatis de tiam kun la malfeliĉo de la tiama hispana socio.

Emanuelo Godojo, dank' al la apogo de la reĝino, lia amantino, rapide prosperis en la hispana kortego. Dum la jaroj 1789 al 1808 li estis la ĉiopova favorato de la gereĝoj de Hispanio kaj ĉefa responsulo de la politikaj katastrofoj de tiu periodo. Kiam li estis 25-jaraĝa, sen eliri el la reĝa palaco kaj sen pliaj meritoj ol tiuj akiritaj en la lito de la reĝino (li estis la patro de kelkaj el la gefiloj de la reĝino), li estis atinginta la plej altajn politikajn, administrajn kaj honorajn titolojn de la hispana lando kaj ties kolonia imperio. Li, ja, estis komandoro de la ordeno de Sankta Jakobo, kampomarŝalo, servo-nobelo de la reĝa ĉambro, generalleŭtenanto, Granda Kruco de Karolo la 3a, duko de Alkudio, grand-nobelo de Hispanio… poste ankaŭ general-kapitano. Krome li decidis pri ĉiuj registaraj aferoj, inter ili la nomumo de guberniestroj por la tuta lando kaj la kolonioj: Filipino, Teksaso, Kalifornio, Meksiko, Peruo, Florido, Kubo, Ĉilio, Argentino, Kolombio, Venezuelo, Salvatoro, Nikaragvo… Poste, kadre de la politikaj eventoj kiujn ni priraportos, li gajnis ankaŭ la titolon de Princo de la Paco kaj havis esperon kaj pretendon esti kronata kiel reĝo de triono el la teritorio de Portugalio.

Nu, tiu estis la homo kiu gvidis la aferojn de Hispanio en la komplika epoko de la prosperado de Napoleono Bonaparto kaj kiam ĉi tiu planis konkeri ĉi-tiun landon.



Emanuelo Godojo

Ĝis la jaro 1789, la hispana politiko baziĝis sur du principoj. En la eksteraj, internaciaj rilatoj, Hispanio estis parto kaj subtenanto de la t.n. "Familia Pakto". Tiu pakto estis interakordo inter ĉiuj kronoj de la Borbona dinastio: Francio, Hispanio, Napolo… kiu garantiis ian ekvilibron en Eŭropo en rilato kun Britio kaj Aŭstrio. La interna politiko de la lando baziĝis en la principo de la antaŭe menciita "Klerismo" ("Ilustración" en la hispana lingvo). Tiu kultur-politika movado estis sufiĉe progresema en la kadro de la absolutismaj monarkioj de la Antikva Reĝimo, sed, kompreneble, ĝi ne estis tute demokratia en la moderna senco de la vorto. Ĝia dokrino estis: ***Ĉio por la popolo kaj favore al la popolo, sed sen la interveno de la popolo***. Ĉiukaze, tiu politiko, dum longa tempo-periodo, garantiis pacon kaj harmonion en la lando kaj en la kolonioj. Ambaŭ principoj, la "Familia Pakto" kaj la "Klerismo" ruiniĝis rezulte de la venko de la granda Franca Revolucio, jam preskaŭ je la komenciĝo de la reĝado de Karolo la 4a.

La perforto de la francaj revoluciuloj kun la detronigo kaj senkapigo de la reĝo Ludoviko la 16a vekis en la hispana kortego kaj en la superreganta klaso de la lando grandan timon kaj reagon. La hispana gvidantaro rompiĝis inter tiuj kiuj daŭre apogadis la klerisman ideon kaj simpatiis al la revolucio, kaj tiuj aliaj kiuj poziciiĝis favore al la monarkia tradicio. En la landa situacio tio konkretiĝis en la politika batalado inter ambaŭ partioj celante la kontrolon de la registaro, sed kun la fono de la indiferento kaj apatio de la hispana popolo.

La protagonistoj de la registaraj ŝanĝoj de tiu periodo estis la grafoj Arando kaj Floridablanko, gvidantoj de la kontraŭantaj partioj: klerisma kaj tradiciisma, sed la ŝanĝoj en la registaro tute ne efikis kontraŭ la situacio de Godojo. Fakte, estis li kiu decidis la ĉeson de tiu aŭ tiu ministro kaj la nomumon de tiuj aliaj. Similan kontrolon li posedis pri la farenda ekstera politiko. Rezulte de la pakto aŭ kontrakto de la hispana dinastio kun la Borbonoj de Francio, Hispanio deklaris militon kontraŭ la revolucia registaro de la najbara lando en la jaro 1793, kiam estis gilotinita la reĝo Ludoviko la 16a.

La milito, kiu daŭris ĝis julio de la jaro 1795, komenciĝis favore al la tri hispanaj armeoj kiuj invadis Francion tra la teraj landlimoj. Dume la hispana ŝiparo kunlaboris kun la brita eskadro en la atako al la fortika urbo Tolono. Ĉitie, post la konkero de la urbo fare de la brita kaj hispana mararmeoj, la francaj trupoj sukcesis reakiri la kontrolon de la fortikaĵo kaj faris amasmortigon inter la loĝantaro favora al la monarkio. Inter la franca soldataro distingiĝis iu juna oficiro je artilerio, nomata Napoleono Bonaparto, kiu tre famiĝos kaj prosperos en la sekvaj jaroj. Ankaŭ en la teraj frontoj sukcesis la franca reago venkante la hispanajn armeojn kaj konkerante kelkajn urbojn proksimajn al la limo inter ambaŭ landoj: kastelo de Figero en Katalunio, Bilbao, Vitorio, Donostio en Eŭskio…

Mise komandita de Godojo, kiu ne moviĝis el la reĝa palaco, la hispana armearo estis venkita en tiu milito, montrante al la mondo que la dekadenco efikis ankaŭ sur soldataro kiu iam, antaŭ pluraj jarcentoj, estis la plej potenca el la mondo.




Per la subskribo de la t.n. “Paco de Basileo”, la 22 de julio de la jaro 1795, Hispanio kaj la Franca Respubliko metis finon al la milito kiu, ekde la jaro 1793 alfrontigis unu kontraŭ la alian. Estis tiam, kiam la reĝa familio de Hispanio aljuĝis al Godojo la titolon de “Princo de la Paco”. La rezulto de la milito estis speciale multekosta por Hispanio; ĉi tiu lando atingis neniun el siaj celoj. La revolucia reĝimo plifirmiĝis, la francaj gereĝoj estis senkapigitaj, la hispana loĝantaro restis dividita inter la partianoj kaj la kontraŭuloj de la novaj ideoj… kaj plej grave el ĉio ĉi: la nova alianco kun la revolucia Francio igis ke la antaŭa aliancano, Britio, fariĝis de tiam malamiko de Hispanio kaj dediĉiĝis al la damaĝado de ĉi ties interesoj en Eŭropo kaj Ameriko.

Poste evoluis la situacio en Francio. La revolucia reĝimo alprenis pli moderan teniĝon; estis la etapo nomita “Direktorio”. Ene de ĝi pli kaj pli distingiĝis la figuro kaj la militaj sukcesoj de la korsika oficiro –poste generalo– Napoleono Bonaparto. Li fariĝis famkonata je internacia skalo pro siaj venkaj kampanjoj en Italio kaj Egiptujo. Sed sia politika kariero tiel estis brila kiel la militista. Li estis nomumita Unua Konsulo de la Respubliko, poste Konstanta Konsulo kaj fine Imperiestro (jaro 1804). Plej grandan famon donis al li siaj venkoj sur la armeoj germanaj, aŭstriaj, rusaj…

Ĉar dum tiu tempo la hispana regno daŭre estis en alianco kun Francio, la militoj kiujn deklaris al tiu lando la sinsekvaj koalicioj kiuj formiĝis kontraŭ ĝi subgvide, ĉefe, de Britio, domaĝe efikis ankaŭ kontraŭ Hispanio, ĉefe en la tereno kie Anglio estis pli forta, t.e. en la maroj. Tiuj domaĝoj igis ke pli kaj pli kreskadis la popolan malamon al la valido Godojo, responsulo de la hispana politiko.

Estante Unua Konsulo, Napoleono volis disponi je la ŝip-eskadro de Hispanio por batali kontraŭ la angloj. En la sferoj de la hispana mar-armeo estis ia rezisto kontraŭ tiu plano. Sekve de tio Napoleono trudis al la kortego de Madrido la elpostenigon de kelkaj militistoj kaj politikistoj kontraŭaj al la kunlaborado kun Francio. Godojo mem suferis dum iom da tempo la persekutadon kaj la premon de Parizo kiu igis ke la hispanaj gereĝoj apartigu lin dum kelkaj monatoj el la povo, sed fine li sukcesis resti en la favoro de la reĝino kaj konservi sian influon en la politiko de la lando.

Sed li lernis la lecionon kaj cedis al la petoj de Napoleono: la 13an de februaro de 1801 li subskribis, en Aranĥuezo, iun akordon kun la franca ambasadoro –Luciano, frato de Napoleono– per kiu Hispanio metis sian mar-armeon serve de Francio. Samtempe, la hispana registaro donis sian apogon al Napoleono en la premo sur Portugalio por ke tiu ĉi lando fermu siajn havenojn al la britaj ŝipoj.

Ĉiam serve de Francio, kie la stelo de Napoleono leviĝis pli kaj pli, la Hispanio regata de Godojo deklaris militon al Portugalio kiam ĉi tiu lando rifuzis obei la ordonon de Bonaparto pri la mara sieĝo al Anglio. En tiu ĉi milito batalis kune francoj kaj hispanoj kontraŭ Portugalio, kaj ĉi-foje, jes ja, la propra Princo de la Paco komandis la hispanan armeon. La kampanjo estis rapida kaj sukcesa ĉar la floto de Britio ne povis helpi sian alianc-

anon. Portugalio kapitulaciis kaj devis submetiĝi al la ordonoj de Napoleono kaj krome pagi al ĉi tiu altan mon-kompenson. Godojo eltiris el tiu kampanjo nur unu branĉon da oranĝ-arbo, kiun li tuj sendis kiel donaco al la reĝino Maria Ludovikino de Parmo. Tial tiu milita ekspedicio estis nomata "la milito de la oranĝoj".



La malprestiĝo de Godojo senĉese kreskadis en la lando, kaj tiu ministro pli kaj pli dronis kaj enkotiĝis en tiu alianco kun la franca princo, el kiu li ne kapablis sin liberi. Li prave timis invadon de la francaj armeoj dislokitaj laŭlonge de la limo inter ambaŭ landoj. La 4an de januaro de 1805, estante Napoleono jam imperiestro, oni subskribis en Parizo novan interakordon franca-hispanan por meti la hispanan eskadron subordone de la franca admiralo kun la celo invadi la britan insularon.

Laŭ ordono de Napoleono, la franca floto eliris el la haveno de Tolono subgvide de Villeneŭvo por kuniĝi kun la hispana eskadro subgvide de Gravino. La angla admiralo Nelsono, komandante la britan ŝiparon, traserĉis la Atlantikon celante malhelpi la kuniĝon de ambaŭ aliancitaj eskadroj. Fine li trovis tiujn flotojn antaŭ la kabo Trafalgaro, proksime al la marbordo de Kadizo.



La admiralo Villeneŭvo klopodis apartigi la anglan mararmeon. Post diversaj manovroj, li rifuĝis en la haveno de Kadizo apogite de la hispanaj ŝipoj. Kontraŭ la konsilo de la hispanaj maristoj, la ŝiparo franca-hispana forlasis la havenon la 19an de oktobro, kaj trovis la floton de Nelsono frumatene de la 21a. La batalo komenciĝis tagmeze. Unu horon kaj duono poste mortis la angla admiralo Nelsono. Kelkaj francaj ŝipoj fuĝis el la batalo kontraŭante la ordonojn de Villeneŭvo. La angla floto, formante du paralelajn kolonojn, atakis perpendikulare la linion de la ŝiparo de Villeneŭvo; tio permesis al la angloj tranĉi la malamikan fronton kaj ĉirkaŭigi kelkajn el ties plej grandaj ŝipoj pere de kelkaj ŝipoj propraj. La spertaj maristoj de la angla floto ankaŭ sciis profiti siafavore la tiam blovantajn ventojn.



Dum la sekvintaj du horoj plejparto el la ĉefaj ŝipoj de la franca-hispana floto estis kapitulaciintaj kaj jam ne plu uzis siajn kanonojn, kaj estis jam mortintaj la hispana admiralo Gravino kaj kelkaj gravaj hispanaj maristoj kiel Galiano kaj Ĉurruko.



Je la sesa horo kaj duono la batalo estis finiĝinta restante la franca-hispana eskadro ĉiusence ruinigita. Iuj ŝipoj estis detruitaj dum la batalo, aliaj restis kaptitaj de la angloj. Pro ŝtormo okazinta en la sekva nokto dronis aliaj ŝipoj kun la vunditoj kiujn ili portis. Nur malmultaj sukcesis reveni al la malbordo de la golfo de Kadizo.

Francio perdis 12 el siaj 18 ŝipoj, kun 3300 mortintoj, pli ol 1200 vunditoj kaj 500 kaptitoj. Anglio havis 450 mortintojn, inter ili la admiralo Nelsono krom 15 gravaj ĉefmaristoj, kaj 1200 vunditojn. Hispanio perdis 10 el siaj 15 ŝipoj, kun 1025 mortintoj, 2500 vunditoj kaj 2500 kaptitoj. Villeneŭvo mortigis sin unu jaron poste.



# La rabisto de Eŭropo

Evidentas ke la problemoj de Hispanio fine de la 18a jarcento kaj komence de la 19a, pri kiuj ni raportas en ĉi paĝoj, estis rekta sekvo de la eventoj tiam okazantaj en Francio: unue la Revolucio kaj poste la Napoleona politiko. Do, por la plej ĝusta kompreno de tiu historia periodo de la hispana lando nepras iome atenti pri tio, kio estis okazante samtempe en la najbara lando. Verdire, la francaj okazintaĵoj, de la jaro 1789 al 1815 (kaj en aliaj, postaj, periodoj) efikis ne nur sur Hispanio sed, ĝenerale, sur tuta Eŭropo. Tiurilate pravas la diraĵo ke ***Kiam ternas Francio, kataras tuta Eŭropo***.
Nu, tiuokaze Francio ne nur ternis sed suferis veran pneŭmonion. Disfalis la Antikva Reĝimo de la absolutisma monarĥio kiu, dum pli ol jarmilo, estis intime ligita al la historio de tiu lando kaj de aliaj landoj en Eŭropo. Se tiu politika kataklismo ja estis sufiĉe grava, la afero eĉ pli komplikiĝis pro la fakto ke la Respubliko naskiĝinta el la Revolucio traspertis nefirman kaj krizan situacion kiu kulminis per restarigo de persona povo: Ĉefa Konsulo, Konstanta Konsulo kaj fine Imperiestro. Tiurilate la procezo iamaniere similis al tiu de la antikva Romo: Monarkio, Respubliko kaj Imperio, sed Francio travivis en la daŭro de nur 11 jaroj procezon kiu en Romo okazis laŭlonge de pli ol 700 jaroj. Ankaŭ la daŭro de ambaŭ imperioj respegulas similan diferencon: la Romia imperio daŭris kvin jarcentojn en Okcidento kaj kroman jarmilon en Bizanco, dum la napoleona daŭris nur pluajn 11 jarojn.
Kaj estas ankaŭ aliaj kontrastoj en rilato aŭ komparo al la Romia modelo. Aŭgusto kaj ties unuaj heredintoj apartenis al la aristokrataj, patriciaj kaj riĉaj familioj de la Julioj kaj la Klaŭdioj, tamen la franca imperiestro devenis el humila kaj pleba familio en insulo kiu estis aneksita al la franca regno nur iomete antaŭ lia naskiĝo. Tio, sendube, atestus pri la merito de lia politika kariero se la starigo kaj subteno de lia imperio ne estus postulinta tiom da homa sango –de francoj kaj de aliaj eŭropanoj– kiom iam kostis la establo de la imperio de la Rom-Cezaroj. Tiurilate, ĉi artikolo, krom la titolo kiun ĝi portas: ***La rabisto de Eŭropo***, ankaŭ povus esti titolita: ***La (hom)buĉisto de Eŭropo***.
Ja, ne nur lia imperio sed preskaŭ lia tuta vivo estis signita per sango-verŝado. La Revolucio okazigis la morton de multaj personoj, ni memoru la gilotinon. Bonaparto ne partoprenis en la revolucia perforto en Parizo, sed tamen li, kiel militisto, intervenis, ekde lia junaĝo, en ĉiuj militoj antaŭ, dum kaj post la Revolucio, samkiel dum la Direktorio, dum lia konsuleco kaj dum la daŭro de lia imperio.
Kiam la revolucia armeo reakiris la francan urbon Tolonon, antaŭe okupita de la angla-hispana armeo, oni masakris multajn partianojn de la monarkio. Napoleono partoprenis en tiu milita operacio kaj post ĝi li estis promociita al generalo. Poste, dum la Direktorio, li gvidis militajn kampanjojn en Italio kaj en Egiptujo. Liaj militaj venkoj en tiuj kampanjoj utilis por lia progreso en la politika kariero. Multaj personoj devis morti por ke li prosperu en tiu kariero.
Oni povas diri ke lia imperiestra trono staris sur multaj miloj da mortintoj –tiel amikoj kiel mal-

